# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.1 Januaro 1926 3.jaro.

## R E P R E Z E N T A N T O J .

Argentino. Buenos Aires, Belgrano 825, sinjoro Miguel, E. Castaneda.
Britujo. London N.4, 64 St.Thomasroad, sinjoro L. Jenkins.
Ĉeĥoslovakio. Aussig a.d.Elbe, Toplitzerstr.26 s-ro Ing. Otto Schwarz.
Finlando. Lohiluoma, s-ro Matti Avinen.
Francujo. Wattrelos (Nord), 286 rue de l'Union s-ro Emile Boone,
Hungarujo. Budapest VIII, Madachstr.43/5, s-ro Johano Sturm.
Japanujo. Kioto,Kawaramachi Hirokoji,S.Keiichi
Jugoslavio. Koprivnica,ulica Lenisce,F.Sifkorn
Litovio. Zadavainiai, Daugailiai, s-ro A.Kuosa
Nederlando. Utrecht Weerdzingel WZ56, GHW.Cotè
Persujo. Sultanabad, s-ro R. Taheri.
Polujo. Boryslaw, polujo potok dolny, Dom de Premier, s-ro W. Wrobel.
Portugalujo. Rio Tinto, Logar da Ferraria, s-ro J. Dias Pinheiro.
Rumanujo. Alba-Julia, str. Dorobantilor nr. 19 s-ro Aleksandru Fridli.
Svedujo. Göteborg, Sveda Esp. Lab. Förbundet, s-ro Einar Adamson.
Usono. Detroit, Michingan, 5251 St. Clair Ave, s-ro H. Flemming.

## Sciigoj de la estraro.

Nia reprezentanto en Litovio sinjoro A.Kuosa log'as en Svisujo. Ni tre dankas lin pro lia agado kiel reprezentanto kaj petas lin varbi plue en Svislando por la „Amikeco." Sinjoro A. Kuosa, interŝang'as poŝtmarkojn laŭ katalogo Yvert-Tellier. Lia adreso estas:

sinjoro A.Kuosa, Semiramis, Lysen-Village, Svislando.

Niaj membroj estas petataj b a l d a ŭ sendi la kotizaion por la nova jaro.

Kaŭze de la superakvig'o de la riveroj „Rhein" kaj „Mosel" nia gazeto ne povis aperi pli frue ol nun. Tial ni forsendas la numerojn unu kaj du samtempe. Niaj membroj estas petataj pardoni tion.



## La 60-jara jubileo de la poŝtkarto.

La poŝtkarto, kiu flirtas ĉiujare en la domojn kiel malmultekosta informisto en nenombraj milionoj festis duoblan jubileon en la pasinta jaro. Ĝi estas malfalsa germana infano kaj konkeras la tutan mondon kiel multaj aliaj objektoj el nia lando. La poŝtkarto nun estas g'enerala havaĵo de la tuta skribanta homaro. La antaŭvida ĉefpoŝtmajstro „Stephan" projektis g'in jam en jaro 1865 kaj enkondukis g'in en junio 1870 oficiale. La uzo de la poŝtkarto restis permesita komence nur en Germanujo, ne eksterlando. La poŝtkarto kun respondo estis enkondukita du jarojn pli malfrue. En junio 1878 la uzon de la poŝtkartoj permesis la mondpoŝtkontrakto por la tuta mondo. Diversajn aliig'ojn gi travivis en la iro de la jaroj. Baldaŭ ankaŭ naskig'is la ilustrita bildkarto. kiu hodiaŭ donas salajran laboron al centmilioj.

J.Gr.

---

Kiu akurate pagas sian kotizon,
helpas al la Amikeco kaj Esperanto.

---

# LA POŜTHISTORIO DE „THURN KAJ TAXIS."

(Daŭrigo.)

1747 fariĝis Aleksander Ferdinand, princo de Thurn kaj Taxis generalkonsulo de la regnoposto de imperiesto Franz I. kiel efektiva tronpruntulo. Je la 25a de februaro 1803 garantiis la imperiesto la konservon de la posteno kiel ĝeneralpoŝtmajstro kaj protektis lin. La unua nomo estis prince turna kaj taksa poŝto.

Dum la napoleonaj militoj aliiĝis la proporcio kiel ĉefo de turna kaj taksa poŝtoj en kelkaj ŝtatoj. Artikolo 17 de la ligaktoj konstatis la posedon kaj utilon de la poŝtoj al la Thurn kaj Taksis-princoj, se ne estis faratâj novaj kontraktoj per libera interkonsento.

Iom post iom la plej grandaj ŝtatoj retiris sin per solvo de la kontrakto. 1866 apartenis nur ankoraŭ 19 plimalgrandaj ŝtatoj kaj urboj al la turna kaj taksa poŝtteritorio.

La restadejo de la princoj de Thurn kaj Taxis estis en Regensburg kaj Frankfurt. La generala poŝtadministrado troviĝis en Frankfurt. La leterpoŝto ŝanĝis la ejon plej ofte okaze de la eniro de nova poŝtmajstro.

La poŝtdomo „al la ora cigmo" en la Friedberger-strato estis la ejo por la tuta veturado. La oficistoj n e estis ŝtatoficistoj, sed nur privataj oficistoj de la princoj de Thurn kaj Taxis. Jam 1820 veturis rapidveturiloj Frankfurt - Lübeck kaj renverse en la tempo de kvin tagoj. Je la unua de januaro 1837 estis aranĝata vojaĝ'interkomuniko inter Frankfurt kaj Paris. La veturo daŭris 50 horojn.

La poŝtmarkoj enkondukiĝis je la unua de januaro 1852. Ĉiu oficisto ricevis tabelon, sur kiu surgluitaj ĉiuj poŝtmarkojn. La senvalorigo fariĝis komence per surpreso; en 1852 per stampilo. Kovertoj kun enstampitaj valoroj estas enkondukita pli malfrue.

La poŝto de Thurn kaj Taxis plenumis sian taskon tri jarcentojn.

---

Kiu ne akurate pagas sian kotizon
malutilas la Amikecon kaj la Esperantomovadon.

---

NOVA MEMBRO.

829. Rakitovo, Čepiko, Bulgarujo, s-ro Georgi Mihajlov, instruisto.



PRESFONDO.

Ĝis nun alsendis poŝtmarkojn por la presfondo:
S-ro Aleksandru Fridli, Alba-Julia, Rumanujo.
Al la nomita membro multan dankon.

KIU HELPOS PLU? KIU HELPOS PLU?

---

Mi kolektas nur poŝtmarkojn!
Kiu sendos novaĵojn[200 Lei]ricevos la samajn.
Aleksandru Fridli, Alba-Julia, Rumanujo.

---

Mi korespondas nur je mia antaŭa demando.
Matti Avinen, reprezentanto de la „Amikeco",
Lohiluoma, Finlando.

---

Mi havas ŝang'deziron laŭ punkto „7":
laboristaj demandoj.Kurth Thiele,Wilhelmstr.25
Chemnitz, Germanlando.

---

Mi havas ŝang'deziron laŭ la punktoj:
a,b,c,d kaj unu.Walter Lippert,Hochstr.66,
Hagen - Westf. Germanlando.

---

Niaj membroj estas petataj: sciigu viajn dezirojn per malgrandaj anoncoj. Ĉiu linio kostas nur unu internacian respondkuponon.

---



---

Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝang'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.